# Katolika Vivo

informiga gazeto internacia


## PACAJ KLOPODOJ

### Dokumentiga Paca Ekspozicio Lokŝanĝa en Francujo

Konkure kun la elitaj aŭ diplomataj provoj por starigi firman pacbazon, dezirinde estas porpaca edukado de la popoloj mem. Ĉar ja la vera paco estas kora, kaj se oni vere volas la pacon inter la popoloj, oni devas unue eltiri el la koroj la malamon kaj el la mensoj la antaŭjuĝojn.

Tiucele la Ligo de la Juna Respubliko (Ligue de la Jeune République), kies sidejo estas en Parizo, 34, Boulevard Raspail, jus aranĝis dokumentigan porpacan ekspozicion, sub la gvidado de S-ro Georges Lanfry. Unu el ĝiaj kuriozaj karakteroj estas, ke ĝi estas lokŝanĝa. Ĝi ja devas vagadi tra tuta Francujo ĝis la fino de la nuna jaro.

La inaŭguro de la ekspozicio okazis, sabaton 14 marto, en Parizo, sub la prezido de S-ro Marc Sangnier, prezidanto de la Ligo, fondinto kaj organizanto de la jam famaj demokrataj kongresoj por la paco. La ekspozicio funkciis ĝis dimanĉon 22 marto. Multaj homoj vizitis la ekspozicion kaj kunportis pliprofundan senton de malamo al la milito. Tuj post ĝia fermo en Parizo, la ekspozicio ekkomencis sian rondvojaĝon, unue en la ĉirkaŭaĵoj de Parizo, por ĝin daŭrigi de urbo en urbo en okcidenta, sud-okcidenta, suda, sud-orienta, orienta kaj fine norda parto de Francujo. Ĝi estos certe tre efika porpaca propagando meze de la « bona popolo de Francujo ». Ĝi estos la plej taŭga preparo al la malarma konferenco, kiu devas okazi en Ĝenevo, komence de 1932.

El kio konsistas la Dokumentiga Paca Ekspozicio Lokŝanĝa ?

Ĝi konsistas el ses fakoj, kiuj havas ĉiu titolon, simbolon kaj devizon. La unua stando, kies titolo estas : « Hieraŭ » kaj simbolo : glavo en sango, enhavas bildojn de bataloj, fotografaĵojn de ruinigitaj urboj kaj vilaĝoj, portretojn de kripligitaj soldatoj, speciale de frakasitaj vizaĝoj. Ĝi per dokumentoj montras tion, kio estis la lasta tutmonda milito. Al tiu terura tempo trafe almetiĝas tiu diro de Lamennais : « Malfeliĉe, malfeliĉe, la sango elfluas, ĝi ĉirkaŭas la teron kiel ruĝa zono ».

La dua stando havigas la bilancon de la milito. Nekalkulebla perdo de homvivoj, de mono. Moralaj konsekvencoj teruraj. La tuton resumas taŭge la ligna kruco sur fumantaj ruinoj. Kia malfeliĉego, kia hombuĉado, kiaj ruinegiĝoj, kia barbareco !

Ĉu la venonta milito estos pli belaspekta ? La tria stando respondas la demandon : ĝi estos la morto de ĉiu, la ruino de ĉio. Ĉar ja la detruiloj estos pli nombraj, pli efikaj, pli perfektaj : aera milito per flugmaŝinoj ĉiuspecaj, atmosfera milito per mortigaj gazoj. La danĝero estos universala, ne nur por la soldatoj sur la batalkampoj, sed ankaŭ por la patrinoj, la edzinoj kaj infanoj hejme.

Urĝe necesas do eviti estonte la militon ! Sed kiamaniere ? Ekzistas nuntempe du rekomendataj manieroj : tiu de la naciistoj kaj tiu de la pacifistoj. Kiu estas la pli trafa ? La kvara stando klarigas la naciistan metodon, kiu konsistas el ĉiam pli forta kaj granda armado. Ĉiam pli kaj pli multaj armiloj : pafiloj, kanonoj, aviadiloj, militŝipoj ! Ĉiam pli kaj pli efikaj kaj perfektaj detruiloj : bomboj, gazoj ! Sed armado estas multekosta, senutila, danĝera, ĉar kiam unu popolo pli armiĝas, alia ankaŭ pli armiĝas ; ĝis kia grado ili iros ? La armado ankaŭ dissemas malfidon kaj malamon inter la popoloj. Kion vi pensus pri najbaro, kiu estas vestita per armiloj de la piedoj ĝis la kapo, pri najbaro, kiu rigardas vin kun tranĉilo inter la dentoj kaj revolvero en ĉiu mano ? Vi prave pensus : tiu ĉi atendas favoran okazon por mortigi min kaj ŝteli mian bienon. Same opinias nacio antaŭ plejperfekte armata popolo ! Kaj ĝi ankaŭ akiras taŭgajn armilojn. Tiu vojo ne kondukas al la paco, sed al la milito. Jen la konkludo de tiu stando, kiu memorigas diron de Lia Papa Moŝto Pio XI-a : « La sekureco de la nacioj ne kuŝas sur bajonetaro, sed sur reciprokaj fido kaj amikeco. »

La kvina kaj sesa standoj aŭdigas la temon de la pacifistoj : la paco atingita pere de arbitracio kaj kunlaborado. En la unua el tiuj du standoj estas priparolata la internacia organizado kaj la nuna stato de la demando pri solvo de konfliktoj inter la popoloj kaj pri la sendependeco de la gentoj. Kio venkos, ĉu la glavo, ĉu la juro ? La lasta stando predikas la moralan malarmadon pere de internaciaj kontaktoj kaj montras la klopodojn tiucelajn de ĉiu nacio. Ĉar kiel prave diras S-ro Marc Sangnier : « Por malaperigi la militon el la mondo, necese estas unne forigi la malamon el la koroj. »

La konkludo de tiu sugestia ekspozicio estas internacia kunlaborado de ĉiuj pacamantoj por fine trafi la celon : starigo de firma paco en la mondo. Al tiu kunlaborado porpaca, la internacia helplingvo alportas gravan perilon. Espereble la pacifistoj fine konvinkiĝos pri la nepreco de unu komuna supernacia lingvo por la intima alproksimiĝo de la popolkoroj.

La Dokumentiga Paca Ekspozicio Lokŝanga estas bela iniciato franca, kiu ŝajne interesos ĉiuj amikojn de la paco en la mondo. Tial ni ĝojas povi ĝin konigi al niaj legantoj.

Ni esperu ke tia bela ekzemplo trovos imitantoj en multaj landoj.

MAX ROUB.


Antaŭ
la prezaltigo
vi aĉetos



FABIOLA

ĉe nia Administracio
Afrankite : fr. fk. 35.—


### La katolika gazetaro kaj la nia

En lasta numero la *Irish Catholic*, la tre ŝatata Irlanda jurnalo, havis noton pri *Katolika Vivo*. Kaj de post januaro la revuo *Columban* enpresis almenaŭ unu artikolon elĉerpitan de K. V. en ĉiu numero.

## LA KATOLIKA AGADO

de Msro BESSON
*Episkopo de Lausanne, Genève kaj Fribourg*

### Kio estas la Katolika Agado

La Katolika Agado tia, kian Lia Papa Moŝto Pio XI-a, post siaj antaŭuloj, tiom multfoje ĝin rekomendis, ne estas alio ol la apostolado (letero de la 13 novembro 1928 al Kardinalo Bertram, ekzemple). Por tiu apostolado, ni ne serĉu novan organizajon, kiu tute ne estas necesa : la Katolika Agado estas la malnova kristana agado, kiu adaptiĝas je la bezonoj de la novaj tempoj, kiu plifortigas la jam ekzistantajn verkojn, kiu helpas ilian reciprokan kunlaboradon, kiu ageme serĉas per la plej taŭgaj rimedoj



Msro BESSON
Episkopo de Ĝenevo

konigi kaj amigi Nian Sinjoron Jesu-Kristo, jen en la paroĥo, jen en la eparĥio, jen en la tuta lando. En nia epoko, la Katolika Agado ne serĉas nur pligrandigi la piajn societojn aŭ frataron, ĉar ĝi devas eniri en la plej diversajn mediojn. Aliparte, ĝi ne limigas sian agadkampon je lud-, karit-, profesi-, soci-societoj, ĉar, kvankam la rimedoj uzitaj de ĝi estas multdiversaj, ĝia celo restas ĉiam la plivastigon de la regno de Dio. La Katolika Agado interesas la klerikaron, kiu devas nepre, pro sia funkcio mem, apostoladi, sed ĝi devas ankaŭ interesi la laikaron kaj preoipe tiujn, kiuj povas iamaniere influi siajn fratojn : ili ne povas resti ne-agantoj, kiam iliaj fratoj iras al la morto, kaj aliparte ili povas pli bone ol la pastroj plenumi iajn taskojn kaj sukcesi pri iaj realigoj. La Katolika Agado — ĝuste ĉar ĝi luktas kontraŭ la falsaj principoj, ĉar ĝi propagandas la sanajn ideojn pri ordo, justeco, karito — ne helpas nur la spiritan progreson ; sed redonante al Cezaro tion, kio apartenas al Cezaro kaj al Dio tion, kio apartenas al Dio, ĝi helpas al la bona stato de la lando. Komprenata laŭ la deziro de la Suverena Pontifiko, ĝi ne malfortigas la fortojn de la lando, kontraŭe ĝi devas esti nur promeso pri prospero.

### Ekzistas sufiĉe da verkoj : la Katolika Agado gvidas kaj direktas ilin

Ni reprenu nun la ĉefajn ideojn mallonge montritajn en la antaŭaj linioj. La Katolika Agado ne estas novajo, ĝi ne provas fari ion ne ankoraŭ faritan. Ni tute ne deziras, ke vi kreu novajn verkojn : ekzistas ja sufiĉe — kaj jam eble tro — da ili ! La Suverena Pontifiko insistas ĉefe pri tiu punkto : *« La Katolika Agado, li diras, direktas al la socia apostolado, ĉiun verkon, ĉiun societon, precipe la religiajn societojn celantajn jen formi la junularon aŭ progresigi la piecon, jen realigi socian aŭ ekonomian progreson. Racian dispartigon de la laboro kaj de la rimedoj, unuecon harmonian en la direkto, ĝi donas al la viraj, virinaj, junulaj, junulinaj grupoj. Ĝi instigas reciprokan bonvolemon kaj kunlaboradon inter ili por la plej granda bono de la Eklezio kaj de la tuta socio. »* Vi rigardu nur la fakon de niaj paroĥaj verkoj : ni demandas al vi igi ilin vivantaj, disvolvi ilin kie ili jam ekzistas, krei ilin — laŭ la lokaj bezonoj, laŭ la eblecoj — kie ili ne jam ekzistas. Ni petas al vi kompreni la tendencojn de via epoko, uzi efike kaj praktike la kvalitojn, kiujn Dio donis al vi, ĉar ne sufiĉas enterigi valorajon por ne perdi ĝin : necesas ke oni valorigu ĝin.

Vi igos viaj, ĉiujn interesojn de la sfero en kiu vi vivas por ke tiu sfero — dank' al via parta influo — iĝu kio ĝi devas esti, tio estas pli kristana. Tiel agante, ni nur sekvos malnovan tradicion : la apostoloj jam faris Katolikan Agadon, kiam ili igis la diakonojn zorgi pri la malriĉuloj, organizi la karitatverkojn ; ili faris Katolikan Agadon, kiam en la fakoj plej diversaj, ili petis la kunlaboradon de la fideluloj, viroj, virinoj, junulinoj, por daŭre establi ne nur la spiritan, sed ankaŭ la materian bonstaton de la naskiĝantaj kristanumoj. Sankta Paŭlo, en sia epistolo al Filipanoj mencias siajn kunlaborantojn kaj rekomendas al la fideluloj, la virinoj kiuj batalis por la Evangelio kune kun li. Iom post iom, kiam la Eklezio disvastiĝis sur la tero, la Katolika Agado prenis novajn formojn, plivastigante sian agadkampon. Sufiĉas ekzemple, ke mi memorigu mallonge — ĉar la temo estas vastega — la evoluadon de monaĥismo, ĉefa rimedo, kiu vivigis la Katolikan Agadon. Ni povus daŭrigi ĝis la nunaj tempoj : neniam estis mizero, kiun la Eklezio ne helpis oportune ; neniam estis bezono, al kiu la Eklezio malavare ne donis por satigi ĝin. Ĉiuj formoj de la nuna karitato, la novaj kiel la malnovaj trovas en la Katolika Agado de la pasintaj jarcentoj siajn unuajn inspirojn kaj ofte siajn plej bonajn modelojn.

### La agantoj de la Katolika Agado : pastroj kaj laikoj

La Katolika Agado koncernas samtempe, kvankam ne en la sama grado, pastrojn kaj laikojn. Ĝi estas la verko de la pastroj sub la aŭtoritato de la papo kaj de la episkopoj, ĉar la Eklezio baziĝas sur hierarĥio, ĉar la konsiloj por ĉio, kio koncernas direkte aŭ nedirekte la religian vivon, nur povas veni de la hierarĥio. Sekve estas necesege — oni neniam tro insistas pri tio — ke tiuj, kiuj laboras por la Katolika Agado, laboru tute konsente kun la pastraro ; Lia Papa Moŝto Pio XI-a tion rediris, antaŭ nelonge, alparolante la pilgrimantojn el Malto. Sed tio ĉi bone akceptita, granda parto estas rezervita

## IV-a Hispana Kongreso Eŭkaristia

De la 21 ĝis 25 de la venonta oktobro okazos la IV-a Eŭkaristia Kongreso Nacia en Hispanujo.

Doktoro Gandásegui publikigis mallongan sed elokventan alvokon, kiu konigas la decidon de la hispanaj ĉefepiskopoj, kiuj elektis la ĉefurbon Valladolid, kaj montrante la gravecon de ĉi noblaj kongresoj « kiam egoismoj, voluptamoj, bataloj kaj perturboj danĝerigas la socian kaj religian universon, kaj eĉ rememorigas la famajn parolojn de la Areopagito dum la teruraj momentoj de la morto de Kristo : « Aŭ la maŝino de la universo senondiĝas, aŭ ĝia kreinto estas suferanta. »

Sed ankoraŭ restas alia faceto, tiel interesa kiel malofta kiu sola meritas la tutan honoron kaj la tutan servadon de la homaro, estas diri, la devon por tributi al la Sanktega Koro de Jesuo, tio, kio Lia Sankteco Pio XI-a diris en la Enciklikо de la 8 majo 1928 : « la kontenteco pura, kiun oni vokas riparaĵo » kaj kies altrangaj titoloj kaj fortaj fundamentoj estas entenitaj de la Roma Pontifiko en justaj pravoj pro la elsufero, kiun ni devas al la Sinjoro pro niaj kulpoj kaj publikaj senordoj, kaj pro kaŭzoj de amo, kiuj impulsigas nin suferi kun Kristo resignacie kaj oferante al Li iun konsolon laŭ la mezuro de nia malriĉeco.

La Kongreso okaziĝos du solenajn kunsidojn, la 21 oktobro matene, malfermo, kaj la 24 vespere, fermo.

Ankaŭ kongresos la eŭkaristiaj asocioj kaj aliaj diversaj katolikaj asociagadoj. Ĉiutagaj komunimesoj en ĉiuj preĝejoj.

La raportoj estos prezentitaj antaŭ la 20 septembro.

Francisko M. Rua.

*organizu ponumeran vendadon de nia gazeto en via urbo*
☆
*vidu specialajnprezojn*



## LA KATOLIKA AGADO

*(Daŭrigo)*

en la Katolika Agado por homoj vivantaj en la mondo, jen viroj, jen virinoj : oni pensas eĉ, precipe pri ili, kiam oni parolas pri Katolika Agado.

Ni ne volas laikismon, nek la revolucian laikismon, kiu forigas la Eklezio for de la socia vivo, nek la Josefa laikismo kiu igas laikan aŭtoritaton estri la religiajn aferojn. Ni ne volas laikismon, sed ne estas, dank'al Dio, fari laikismon, kiam oni igas la laikojn, preni realan parton en la apostolado sub la aŭtoritato de la presbiteraro kaj tute konsentite kun ĝi. Ne nur tiu kunlaborado ne prezentas malutilojn, sed kontraŭe ĝi prezentas multajn avantaĝojn. Jen kial ni petas ĝin al vi : kiam tiom multaj faktoroj kuniĝas por infekti la junularon, por senkristanigi la animojn, por sendiigi la instituciojn, por malfortigi la amon al patrujo, por starigi unu kontraŭ la alia, la sociajn klasojn — tiam vi time ne devas resti neagante kaj plorante pri la malfeliĉoj de la nuna tempo. Vi devas agi por meti Kriston ĉien, kie li devas esti, jen en la familio, jen en la lernejo, jen en la institucioj, jen en la tuta lando.

### La Katolika Agado ne estas politika agado

La Katolika Agado ne koincidas kun la politika agado. La Eklezio ne okupiĝas pri pura politiko ; ĝi estas precipe super ĉiuj partioj ; ĝi deklaras : « *Ĉiuj civitanoj estas liberaj ne havi la saman opinion en demandoj libere diskuteblaj* », laŭ la propraj paroloj de la Papo, sed la sama Papo diras : « *Estas politiko kiu tuŝas la altaron : una politica che tocca l'altare* ». Kiam demandoj estas diskutataj, kiuj povas rilati la religion aŭ la savon de la animoj, estas neeble ke la katoliko restu neŭtrala ; same, li ne povas favori partion, kies estroj kaj ĵurnaloj malamike agas al la Eklezio ; same, li ne devas aniĝi al partio kies programo ne konformas je la kristanaj principoj.

### Estu mem katolika

Vi ne forsegu fine, ke kiam oni laboras por la Katolika Agado, oni devas esti nepre kaj unue *katolika* en la vera senco de la vorto. La unua malamiko, kontraŭ kiu ni batalas, estas la mondeca pensmaniero tute kontraŭa al la Evangelio. La ĉefa rimedo por batali kontraŭ ĝi estas ne kuniĝi mem al ĝi. La Katolika Agado sukcesos pri nenio, se la grupoj, kiujn ĝi direktas, estas formataj de viroj aŭ virinoj, al kiuj mankas la spiriteco de Kristo. Inter ĉiuj malbonaĵoj, kiuj malhelpas la sanktan Eklezion en la plenumo de ĝia bonfaranta misio, la nekonscia mondaneco de tiuj viroj kaj virinoj, kiuj aniĝas al ĝia doktrino, de tiuj viroj kaj virinoj, kiuj interesiĝas al ĝia agado — estas kiel larĝa, dolorplena, profunda vundo : la plej grava vundo, ĉar estas vundo de la koro. Niaj organizaĵoj havus influon multe pli efikan, se iliaj anoj distingiĝus per sankta vivo. Ĝis kiam vi ne havos la kuraĝon batali sentime kontraŭ la stultaĵoj, kiujn la paganismo eltrovas niatempe por allogi kaj putrigi, vi ne estos taŭgaj por la Katolika Agado, ni ne bezonos vin. Se oni volas sin protekti kontraŭ la infekto, se oni volas limigi ties detruojn, necesas sendube verkoj organizataj kaj laborantaj ageme, sed necesas unue, ke tiuj, kiuj partoprenas en la verkoj, donu la ekzemplon : « *Ke via lumo brilu sub la okuloj de la mondo, tiel ke la mondo, vidante vian neriproĉeblan konduton, gloru vian Patron, kiu estas en la ĉieloj.* » Sur tiu penso mi konkludas ; ĝi sufiĉas por konvinki vin, ke la Katolika Agado pri kiu ni parolis ne estas novaĵo.

Estu unue kristanoj. Senlimaj horizontoj sin prezentas al vi. Ege malkvietigaj problemoj, ĉien estas solvendaj. Verkoj sennombraj kreiĝas...

### Iru ĉe la unuajn rangojn

Filoj de via epoko, vi devas interesiĝi pri ĉio por plenumi la mision al vi donitan de Dio, por ke viaj samcivitanoj ricevu, kion ili atendas de vi : la mondo, ja scias bone, ke vi posedas depone moralan forton, ordajn principojn sen kiuj nia societo — kiel ŝipo sendirektila — neniam povos sanigi siajn vundojn nek rigardi konfide al la estonteco.

Ne restu izolita : en la sociaj aferoj kiel en la ekonomiaj, en la bonfaranta fako kiel en la presa fako, en la scienca fako, ĉie kie estas io por fari aŭ influo por ekzerci — iru ĉe la unuajn rangojn — sed antaŭe estu kristanoj ! Tio, kion ni volas, estas nek la bruantaj manifestacioj, nek la grandaj paroladoj, sed la profunda laboro, kiu fariĝas en la individuo kaj poste elradias tra la popolamasoj. Tio, kion ni volas, estas ne la progresoj kaj reformoj malprofundaj sed la pliboniĝo de la socio. Tio, kion ni volas, estas ne la venko de sistemo aŭ de partio, sed la regno de Dio en la animojn, en la familion, en la socion, kiu firme ne ŝatos havi alian majstron krom Li.

Estu nepre kristanaj, estu nepre katolikaj, tio estas observantoj de la spiriteco de Kristo ; estu tia senmikse kaj senrezerve, en la publika kiel en la privata vivo. Nur tiukondiĉe, vi plenumos la taskon — konsoloplena sed timiginda — kiun Dio markis por vi kaj pri kiu, iun tagon, Li demandos vi.

*Tradukis* Jean Duffaud.

## EL FRANCUJO

### Altlernejaj elitoj kaj kristana renesanco

Postpaska temo en Francujo estas la kreskanta sukceso de la Paskaj mesoj por la Altaj Lernejoj. Ĉiujare ja la anoj de la Superaj Lernejoj grupope komunias en iu aŭ alia preĝejo de Parizo aŭ de provinca urbo, laŭ invito subskribita de iliaj kamaradoj.

Lastan jaron la sumo de la subskribintoj de la Paska alvoko atingis la ciferon 13.800. El tiuj 1.955 estis de la Milita Lernejo Saint-Cyr. Ĉijare, en 1931, la sama lernejo havigis nur 7 nomojn de komitato. Kial tiu diferenco ? La katolika gazetaro silentis pri la kialo. Tamen oni certe scias, ke tiu malkresko estas la rezulto de ordono de la milita ministro Maginot. Li ja malpermesis la Paskan komunion grupopan de la studentoj de la Milita Lernejo Saint-Cyr, pretekste ke la armeo devas esti « neŭtrala » religie. Jen pensmaniero de membro de modera registaro en Francujo !

Feliĉe oni povas enregistri kreskon en la aliaj lernejoj. La Politeknika Lernejo prezentis 2.968 subskribojn, kontraŭ 2.849 en 1930 ; la Centra Lernejo, 3.023 kontraŭ 2.749 ; la Minlernejo de Parizo, 654 kontraŭ 625 ; la Minlernejo de Saint-Etienne, 354 kontraŭ 314 ; la Arta kaj Metia Lernejo, 1.355 kontraŭ 1.179.

Interese estas ankaŭ scii la proporcion de la katolikaj kultobservantaj en la Altaj Lernejoj : en la Politeknika Lernejo 66 %, en la Centra Lernejo 69 %, en la Minlernejo de Parizo 64 %, en la Arta kaj Metia Lernejo 31 %.

El la Politeknika Lernejo 48 lernantoj instruas ĉiudimanĉe kateĥismon al infanoj en la ĉirkaŭaj paroĥoj de Parizo, 37 helpas en dimanĉa junulara kunveno. El la Centra Lernejo 51 estas kateĥistoj kaj 24 dejoras en patronejoj. Plie en preskaŭ ĉiuj Altaj Lernejoj nun ekzistas katolika rondo, kies rekruto estas farita de la lernantoj mem. Vere estas la apostolado de la laikaro.

G. O.

## EL LA VATIKANA URBO

### Donaco de la reĝo de Rumanujo al la Papo

La reĝo de Rumanujo Karlo II-a sendis belegan donacon al Lia Papa Moŝto pere de speciala delegitaro, kiu alvenis Romon komence de marto lasta por prezenti ĝin al Pio XI-a.

La Papo akceptis en aŭdienco D-ron Nikolao Petro Comnène, eksterordinara sendito kaj plenrajta ministro de Rumanujo, kaj la delegitaron konsistantan el S-roj Stoicesco, Papesco kaj Hodos. Estis ankaŭ ĉeestantaj S-ro Brosu, konsilisto ĉe la ambasadorejo kaj Msro Juga, eklezia konsilanto.

La reĝa donaco estas antikva kaj belega ikono laŭ Bizanta stilo, kiu datumas de la fino de la XV-a jarcento. Ĝis nun tiu religia bildo estis la propraĵo de la reĝa familio de Rumanujo, kaj Karlo II-a havis ĝin en sia privata ĉambraro. Li volis oferdonaci ĝin al Lia Papa Moŝto kiel omaĝo okaze de lia sacerdota jubileo.

La pia bildo reprezentas la Sanktegan Triunuon. Speciale estas bone konservata la figuro de la Redemptoro, kies kapo surhavas arĝentan kronon. Ĉe la piedoj de la Triunuo estas du personoj, kiuj oferas preĝejon, ankaŭ arĝentan.

La ikono estis prezentita al Pio XI-a en valora kesteto ornamita per la reĝa blazono kaj surhavanta jenan surskribon : « Al Lia Papa Moŝto Pio XI-a la reĝo Karlo II-a de Rumanujo — 1931. »

La delegitaro ankaŭ prezentis al la Papo la kvar volumojn de la Historio de Rumanujo, verkita de Profesoro Jorga.

Pio XI-a admiris la donacojn kaj tutkore dankis al la donacintojn.

### La Vatikana Radio-posteno

Malgraŭ ke la Vatikana radio-posteno ne regule transsendas ion, tamen la direkcio de la posteno publikigis jenan tabelon :

Escepte la dimanĉaj kaj festaj tagoj la Vatikana radio-stacio transsendos :

10.00 - 10.30 (horo laŭ Greenwich) : ekzercoj de radiofonio sur ondlongo da m. 19.84.
10.30 - 11.00 : ekzercoj de radiotelegrafio sur la sama ondo.
19.00 - 19.30 : ekzercoj de radiofonio sur ondlongo da m. 50.26.
19.30 - 20.00 : ekzercoj de radiotelegrafio sur la sama ondo.

Verŝajne meze de aprilo estos ekorganizitaj transsendoj de la Papa Scienca Akademio, sed oni ankoraŭ nenion oficiale scias pri la tagoj kaj horoj.

### Vatikana merkato

La provizumado de la urbanoj estos monopolo de la ŝtato. Nuntempe organiziĝas la provizumado por multaj nutraj kaj vestaj objektoj, kiuj estos rekte vendataj al la Vatikanaj urbanoj pere de speciala organizaĵo, kies sidejo estos en nova konstruaĵo. La vianda kaj fiŝa merkato estos komisiita al privata entrepreno.

Petrano.

*organizu ponumeran vendadon de nia gazeto en via urbo*
☆
*vidu specialajnprezojn*



**Propagandu ĉien nian gazeton**

## LETERO EL NEDERLANDO

### La novaj studioj de la K. R. O.

Lia Ĉefepiskopa Moŝto de Utreĥto, Msro Janssen, inaŭguris, la 7 marto, la novajn studiojn de la Katolika Radio Organizaĵo (K. R. O.) en Hilversum, kiu nuntempe kalkulas pli ol cent mil membrojn kaj kiu pro tio estas unu el la plej gravaj radio-stacioj en nia lando.

La inaŭgurado finiĝis per impona parolado antaŭ la mikrofono, en kiu Lia Ĉefepiskopa Moŝto atentigis pri la danĝeroj, kiuj minacas per la radio kaj akcentigis la rimedojn kaj la devojn de la katolikoj rilate la radio-disaŭdigon.

Ni ankoraŭ povas informi, ke la radio-disaŭdig-problemo en nia lando ankoraŭ daŭras, plejparte ĉar la A. V. R. O., la neŭtrala radio-organizaĵo, rifuzas partopreni en la interkonsent-aranĝo, kaj postulas unu el la du ondoj je kiuj Nederlando laŭ la Praha radiokonvencio povas disponi kaj tute malatentas la ne malpli gravajn rajtojn de la tri aliaj radio-organizaĵoj, nome : la katolika, la protestanta kaj la socialista.

La K. R. O. estas tre favora al Esperanto kaj disaŭdigas ĉiusemajne kurson kaj ĉiudusemajne novaĵojn en Esperanto. La Esperanto-disaŭdigoj okazas sabaton ; prizorgas ilin nia samideano P. Heilker, el Hoofddorp.

### La Silenta Nokta Procesio en Amsterdamo

Oni taksis la nombron de la partoprenantoj en la Silenta Nokta Procesio en Amsterdamo en la nokto inter la 14 kaj 15 marto je proksimume 18.000 kaj en la nokto inter la 21 kaj 22 marto je proksimume 45.000. La unua nokto estis speciale destinita por la ne-Amsterdamanoj, dum en la dua nokto procesie iris la viroj el Amsterdam kaj proksima ĉirkaŭaĵo.

La 15 marto okazis en la granda koncertejo en Amsterdamo granda kunveno por festi la 50-jaran ekzistadon de la « Stille Ommegang » (Silenta Nokta Procesio), kiun ĉeestis 18.000 personoj kaj kiun prezidis Lia Episkopa Moŝto de Harlemo, Msro J. D. J. Aengenent mem. Inter la ĉeestantoj ankaŭ estis la kunfondinto kaj unua prezidanto de la unuiĝo, S-ro Karel Elsenburg, dum lia filo, la nuna prezidanto, S-ro Alph. Elsenburg, estis honorata de Lia Papa Moŝto per la kruco « Pro Ecclesia et Pontifice ».

Aldonu ni, ke la partoprenantaro ĉi tiun jaron ree estis pli granda ol en la antaŭa jaro.

J. H. Westen.

**KATOLIKA VIVO**
DUSEMAJNA GAZETO INTERNACIA

DIREKCIO kaj REDAKCIO
22, Cours Albert-Premier — PARIS-VIII
Telefono : Parie-Elysées 85-84
Telegrama adreso : Ramboux, Croibayar-Paris-86

ADMINISTRACIO
22, Cours Albert-Premier — PARIS-VIII
Poŝta ĉekkonto : Ramboux Georges, Paris nº 281.40

ABONPREZOJ :

| | jara | duonjara | kvaronjara |
|---|---|---|---|
| Por Francujo kaj ĝiaj Kolonioj . . fr. fk. | 30.— | 16,— | 8.50 |
| Por landoj kun rabata posttarifo . fr. fk. | 35.— | 18.50 | 9.75 |
| Por aliaj landoj fr. fk. | 40.— | 21.— | 11.— |

La abonoj komencas la 1-an de ĉiu monato.
Ĉiu abonanto al *Katolika Vivo* ricevas ankaŭ la monatan revuon ilustritan *Espero Katolika*.
La abono daŭras, se ni ne ricevas kontraŭmendon, kaj sekve ĝi estas tuj repagota.

Oni abonas aŭ reabonas :

1-e Rekte al la administracio de la gazeto, ĉu per nia poŝtkonto (Ramboux Georges, Paris nº 281.40), ĉu per naciaj bankbiletoj aŭ bankĉekoj, pageblaj en Parizo, sendataj en registrigita letero ; ankaŭ per internacia poŝtmandato.

La posedantoj de poŝtĉekkonto en la sekvantaj landoj : Aŭstrujo, Belgujo, Ĉeĥoslovakujo, Danujo, Danzigo, Franca Okcidentafriko, Germanujo, Hungarujo, Jugoslavujo, Luksemburgo, Maroko, Nederlando, Saarteritorio, Svedujo, Svisujo kaj Tunizio, povas pagi per internacia poŝtĉektransigilo al franca poŝtĉekkonto nia.

2-e Pere de la enlandaj abonejoj ĉi-sube menciitaj, sammaniere aŭ per ilia poŝtkonto :

*Por Anglujo* : S-ro J. E. Hookham, 45, Holmesdale Road, en Teddington (Middlesex).
*Por Aŭstrujo* : S-ro Karl Dürschmid, Herrengasse 23, Graz. Poŝtkonto nº 122.791.
*Por Belgujo* : S-ro César Vanbiervliet, Audenaerdesteenweg 100, Kortrijk. Poŝtkonto nº 2289.27.
*Por Ĉeĥoslovakujo* : S-ro Fr. Kozel, Trebizského 474, Praha-Koŝire. Poŝtkonto nº 89.927.
*Par Germanujo* : S-ro J. Thomalla, Harsdoferstr. 7 k. Magdeburg-W. Poŝtkonto nº 9.728.
*Por Hispanujo* : Pastro Font Giralt, Seminario de Santa María del Collell, Gerona-Bañolas.
*Por Irlando* : S-ro H. McNiel Macauley, 1, Wellington Quay, Dublin, C. 4.
*Por Nederlando* : S-ro P. A. Schendeler, Prins Hendrikstr. 30ª, en Eindhoven. Poŝtkonto nº 77.739.
*Por Polujo* : S-ro M. Janik, Świerklany-Dolne (Rybnik). Konto P. K. O. 303.779, Katowice.
*Por Svislando* : S-ro K. Jos. Haas, Adligenswilerstr. 4, Luzern. Poŝtkonto : VII 3.883.

# NOVAĴOJ EL AŬSTRUJO

■ Laŭ la plej nova personarindekso la ĉefeparĥio Wien, kun siaj 533 paroĥoj kaj entute 2.584.542 katolikoj estas religie prizorgata de 4 episkopoj, 939 pastroj de la propra eparĥio, 101 pastroj el fremdaj eparĥioj kaj 667 ordenaj pastroj. 33 viraj ordenoj nombras en la ĉefeparĥio 2.042, 39 virinaj ordenoj 6.632 membrojn.

■ Princepiskopo D-ro Adam Hefter de Gurk-Klagenfurt pritraktas en sia nunjara episkopa letero okaze de la granda fasto la problemon de la malabundo je pastroj kaj de nova generacio de pastroj en Karintio. En Karintio agadas 370 pastroj kiel animzorgantoj; el ili nur 189 naskiĝis en Karintio, la restantaj 181 devenas el la aliaj malnovaŭstraj landoj kaj el Germanujo. Sen helpo el la aliaj eparĥioj kaj landoj estus eble la duono de la paroĥoj sen pastroj. Devas esti la atingota celo de episkopo, pastraro kaj kredantaro, ke la eparĥio estonte mem havigas al si la necesan nombron de pastroj. Princepiskopo konstruigas novan pastran seminarion por alproksimiĝi al ĉi tiu celo. La konstuaĵo estos finkonstruita nur en 1932.

■ Laŭ raporto de Kaplano Höck en *Katholische Kirchenzeitung* ankaŭ en la Burgenland estus terura malabundo je pastroj. Multaj paroĥoj estus sen pastroj kaj devus esti prizorgataj de najbara paroĥestro. Ĉefa kaŭzo de tio estus, ke la pastroj por Burgenland estis pli frue edukataj en Steinamanger-Szombathely, (Hungarujo). Pro tio la plej multaj de ĉi tiuj pastroj nun reiris Hungarujon. La pastroj ankaŭ tre dependis de la patronoj, la grandbienposedantoj kaj grafoj. Pro tio ili facile malatentis la popolon. Kelkaj de ĉi tiuj grafoj kaj princoj estis en sia vivmaniero tute senreligie kaj malamike al la popolo. Sed al la pastroj mankis en sia dependeco la kuraĝo de sankta Johano-Baptisto kontraŭ tiuj ĉi Herodoj. Ke ĉi ĉio ne faris bonan impreson al la popolo kaj grave domaĝis al la religiemo estas nur tro komprenebie. Kardinalo D-ro Piffl kiel Apostola administranto de Burgenland en 1921 nur povis transpreni ja germanajn, kaj bonvolajn pastrojn kaj je tiaj estis granda malabundo. Por ke estu prizorgata nur la plej necesa, Burgenland ankoraŭ bezonus ĉirkaŭ 150 pastrojn. Je du novekonsekritaj pastroj jam atendas ĉirkaŭ 60 paroĥoj.

Sed la Apostola Administrejo de Burgenland en Wien nun sendis al la nomita gazeto korekton, el kiu ni jenon citas: Kardinalo D-ro Piffl la apostolan administradon de Burgenland ne transprenis en 1921 sed en aŭtuno 1922. Ke je du novekonsekritaj pastroj atendas 60 paroĥoj estas fantasiaĵo. Okaze de la eklezia aliĝo de Burgenland la ĝistiama episkopo forprenis el parto de la lando la kaplanojn, la paroĥestroj restis; en la alia parto de la lando la stato de la animzorgantoj estis preskaŭ normala. La nombro de la pastroj, kiuj post la aliĝo kiel magiaroj libervole reiris al Hungarujo, ne grave diferencas kun la nombro de tiuj, kiuj kiel germanaj Burgenlandanoj el Hungarujo revenis Aŭstrujon. Ĝuste estas, ke Burgenland ne havas propran seminarion por knaboj kaj por la pastroj. Sed Kardinalo D-ro Piffl permesas la akcepton de Burgenlandanoj en la ĉefepiskopaj seminarioj de la Viena ĉefeparĥio, sed la sukceso de ĉi tiu grandanima ago ja nun ne ankoraŭ povas esti granda. Kiom da gimnasiistoj, kiuj faris sian maturigan ekzamenon hungarlingve, povas veni en la germanan pastran seminarion en Wien. Kaj germanaj gimnasiistoj el la Burgenland ja nur ekzistas depost 1923. Ili nur nunjare povas fari la maturigan ekzamenon. En Burgenland estas entute 157 paroĥoj, el ili bedaŭrinde 9 ne estas okupataj kaj devas esti prizorgataj de najbaraj paroĥestroj. Krome estas 19 liberaj kaplanpostenoj. Tiel ja montriĝas la manko je postkreskantoj. Kompreneble ĉiu pastro kiu anoncus sin por la Burgenland estus bonvena, sed kion la lando farus tuj kun 150 pastroj ne estas komprenebla.

■ Papo Pio XI-a faris al la en 1854 fondita Aŭstra Instituto por historia esplorado valoregan donacon: volumon kun la reproduktaĵoj de tiuj papirusaj dokumentoj el la papa kancelario, kiuj estas kolektataj en hispanaj arĥivoj kaj estis heliogravure reproduktitaj en originala grandeco. La verko aperis pasintjare sub la titolo: « Pontificium Romanorum Diplomata papyracea quæ supersunt. »

■ La internacia religipsikologia Asocio en Wien aranĝas je Pentekosto 1931 kvintagan internacian kongreson kontraŭ la malkredo sub la titolo « Krizo de la malkredo ». Estos pritraktataj i. a. jenaj problemoj: Malhelpaĵoj de la preĝa vivo, la ekesto de la malkredo, la malkredo kiel karakterologa fenomeno, malkredo en la aĝo de la puberiĝo, la enfluo de la natursciencoj, ktp. Sur la listo de la paroladontoj estas ankaŭ konataj katolikaj sciencistoj.

■ Okaze de 21-a datreveno de la morto de la granda popolurbestro de Wien, D-ro Karl Lueger celebris Prelato D-ro Sedlaczek, la 8 marto, en la Votivpreĝejo en Wien solenan memormeson, en kiu partoprenis Ligoprezidanto Miklas, Ligokanceliero D-ro Ender, la ministroj Vaugoin, D-ro Czermak, Heinl kaj



D-ro Karl Lueger

D-ro Resch, la landestro de Malsupra Aŭstrio D-ro Buresch, kaj multaj eminentuloj kaj membroj de la kristansocia partio. Post la sankta meso Parlamentano Kunschak faris grandan paroladon antaŭ la preĝejo en kiu li admonis la germanajn Vienanojn fidele laboradi laŭ la spirito de Lueger, por ke Wien ree fariĝu la metropolo de kristangermana spirito, de honorinda laboro kaj de gaja, feliĉa vivado. D-ro Karl Lueger naskiĝis en Wien, la 23 oktobro 1844, fariĝis 1874 advokato, 1875 demokrata komunuma konsilanto, poste li fondis la kristan-socian partion, kies gvidanto en la urbodomo kaj parlamento li estis. En 1895 li estis elektata urbestro de Wien, sed pro la politika ekscitiĝo li rezignis laŭ la deziro de la imperiestro Francisko Josefo kaj restis ĝis 1897 vicurbestro. Depost ĉi tiu jaro ĝis lia morto li estis urbestro de Wien kaj evoluigis la urbegon per malbagatelemaj ekonomiaj entreprenoj, kreado de parkoj, de la tielnomata « arbara kaj herbeja zono ». Ankaŭ sur la religia kaj kultura kampoj li multon faris. Sed ne estas eble priskribi en malgranda artikoleto la grandegan verkon de lia vivo. Multaj el liaj intencoj, ekzemple la kreo de multaj novaj paroĥoj en Wien ne povis esti efektivigataj pro diversaj intrigoj. Kiam li mortis la 10 marto 1910 vere tuta Wien funebris je lia ĉerko. Lia korpo nun ripozas en la preĝejo en la granda centra tombejo, sed lia spirito regas ankaŭ nun la de li fonditan partion katolikan.

■ La Apostola Administrejo de Innsbruck-Feldkirch ordonis ke la edzeca encikliko de Papo Pio XI-a estu la bazo por la gefianĉa instruo. La encikliko estu havigata pere de la paroĥestro al ĉiuj gefianĉoj.

■ La aŭstra episkoparo dum sia novembra konferenco decidis, ke la pastrokandidatoj dum la dujara filosofa antaŭstudado kiel devigа fako ankaŭ aŭdu prelegojn pri Karitatscienco kaj socialetiko. Ĉiusemajne dum 2 horojn oni pritraktu kristanan societ- kaj ŝtatinstruon, ĝeneralan kaj ekonomian socialetikon. Ĉi tiu nova enkondukajo certe ĉie, kie oni ekkonis la necesojn de nuntempa animzorgado, estos ĝoje salutata.

■ La 19 marto okazis la ĉefkunveno de la bonege aganta « Josefswerk » por prizorgado de la familioj en la konsistoria ĉambrego de la ĉefepiskopa palaco. Partoprenis ankaŭ Kardinalo D-ro Piffl. Sufragano D-ro Kamrath montris la gravecon de la Josefo-help-



Religiaj ekzercadoj por rekrutoj — 1931

verko en tempo, dum kiu eraroj kaj mizeroj volas forigi la fundamentojn de la kristana edzeco. Poste Paroĥestro Leibrecht faris la jarraporton kaj sciigis, ke Lia Papa Moŝto en la pasinta jaro dufoje benis la agadon de la verko. Je la fino de la ĉefkunveno Kardinalo D-ro Piffl diris al ĉiuj, kiuj metis sin en la servon de la Josefverko episkopan dankon. Poste li parolis pri la konkordato kaj deklaris, ke oni neniam rajtos forlasi la unuecon kaj firmecon de la katolika edzeco.

■ La « Artocentro por kristana popolklerigado » aranĝis sian milan aranĝajon tre solene. Ĉi tiu artocentro sukcesis influi la program-starigon de la Vienaj teatroj kaj per propraj aranĝajoj havigi al si artajn sukcesojn. La gvidantoj de la artocentro estas Redaktoro Hans Brecka kaj D-ro Sigmund Guggenberger. Ĝia organo estas *Der Kunstgarten* (La ĝardeno de la arto).

■ La katolika sportmovado de Aŭstrujo fondis ĝeneralan ĉeforganizajon sub la nomo « Osterreichs Jugendkraft (Aŭstra Junulforto) » al kiu apartenas: Regna asocio de la katolika junularo, la kristan-germana gimnastikaro, la regna asocio de la katolikaj knabinaj societoj, la sportunuiĝo de la kristanaj sindikatoj, kaj la sportunuiĝo de katolikaj universitatstudentoj « Arminen ».

■ Depost tri jaroj okazas ĉiujare religiaj ekzercadoj por la rekrutoj de la aŭstra armeo. Ili estas aranĝataj de la armea pastraro kaj ĉiam montras tre belajn sukcesojn. Partoprenas laŭ informo, donita al ni de Brigadparoĥestro Tegel, ĉirkaŭ 30 % de la rekrutoj en la tritagaj ekzercadoj. La manko je pli grandaj ekzercdomoj kaj la financa mizero sekve de la granda senlaboreco ne permesas pli grandan nombron da partoprenantoj. En Wien ekzercoj por rekrutoj okazas en la domoj de la Jezuitoj kaj de la Kamilianoj en Lainz, en la katolika Submajstra domo en Wien-VI., kaj en la misidomo St-Gabriel apud Mödling. Ĉi tiuj tritagaj ekzercadoj estas pensataj kiel fundamenta preparo al la sesjara armeservo por plifirmigo de la katolika kredo kaj de la moro kaj ĉiam estis tre utilaj. Ĉi tiuj laikaj apostoloj en la vicoj de la soldatoj kunlaboras kuraĝe kun la armea animzorganto. En la pasinta jaro 90 % de la katolikaj soldatoj en la aŭstra armeo pekkonfesis kaj komuniis dum la paska tempo. La bildo montras grupon da rekrutoj ĉe la ekzercadoj en la domo de la katolika Submajstrosocieto en Wien VI., kun la gvidanto de la ekzercadoj, Brigadparoĥestro Gottfried Tegel kaj la brava kunlaboranto Majoro Heckenast, regna estro de la katolika soldatounuiĝo en Aŭstrujo.

■ La 1 marto en Stockerau okazis la landa konferenco de la kristanaj sindikatoj de Malsupra Aŭstrio kaj montris en ĝia tuta daŭro la bildon de la bone progresanta kristana sindikata movado. El la agadraporto oni povis vidi, ke la nombro de la membroj de 18.212 je fino 1928 kreskis al 20.778 je fino de 1930. El ili apartenis 9.722 membroj al la laboristaj, kaj 11.056 membroj al la salajrulaj sindikatoj. La movado depost la jaro 1924, en kiu ĝi nombris 4.535 membrojn, preskaŭ kvinobliĝis. En 1930 okazis 2.871 kunvenoj kaj 168 konferencoj, 58 pritraktoj pri salajroj kaj 1.407 intervencioj, 92 kontraktoj pri salajroj estis kontraktataj. La nombro de la mandatoj en la laboristaj komitatoj kreskis je 8 al 248. La defendorganizo de la sindikatoj, la libereca unuiĝo (Freiheitsbund) kreskis en Malsupra Aŭstrio en la pasinta jaro de 628 al 1.602 membroj.

■ En la malsanulejo de la Kompatemaj Fratoj en Wien, kies karitata agado al malsanuloj sen diferenco de konfesio aŭ partio estas unu el la plej gravaj apogoj de la estimo al la katolikoj en Aŭstrujo, oni faris en la lasta jaro ĉirkaŭ 10.000 operaciojn, inter ili multaj de plej malfacila grado, kaj pli ol 4.000 Röntgen-fotojn.

■ La jarraporto de la liberpensula sekretario en Aŭstrujo montris en sia referato antaŭ la delegitoj de la liberpensula organizo de Malsupra Aŭstrio nombron da 120.000 senkonfesiuloj en Aŭstrujo, inter ili 10.000 infanoj en Wien, kiuj estas instruataj, anstataŭ pri religio, pri moroj de la vivo. La elirnombro el la Eklezio en la pasinta jaro estas montrita kun 10.000 personoj.

Karl Dürschmid.

La verko kiu devas esti en via biblioteko:

**Per balono al la Poluso**

Rakonto pri la ekspedicio de Andrée en 1897 laŭ lia notlibro ĵus retrovita

★

412 paĝoj
multaj ilustrajoj
luksa papero
eleganta bindo

★

Afrankite: fr. fk. 90.—
ĉe nia Administracio

## LETERO EL LITOVUJO

### Persekutado de la katolikoj daŭras

La registaro sentas, ke ĝi estas nur malplimulto. Kompreneble, ĉar naciistoj (kiuj nun administras la landon) en la lasta parlamento havis nur 3 mandatojn el ĉiuj 85 mandatoj. Tial la registaro havas nur unu ilon — igon.

En la lasta tempo estis punita per monpuno de 500 lidoj (= 50 usonaj dolaroj) redaktoro de katolika terkulturista gazeto S-ro Dagelis.

Kelkaj pastroj pro siaj predikoj aŭ pro katolika agado estas juĝotaj.

Estis eĉ tia akcidento. En la urbo Panevejis estis arestita la patro de katolika studento S-ro Baranaŭskas. La maljunulo — patro de S-ro Baranaŭskas — estas 70-jara. Li estas arestita « kiel danĝera persono por la socia ordo ».

Translimaj gazetoj — precipe germanaj — estas plenaj de informoj el Litovujo. Pro tio la registaro estas tre malkontenta kaj kvazaŭoficiala *Lietuvos Ajdas* (Eĥo de Litovujo) ofte skribadas, ke neniu havas rajton skribadi en translimaj gazetoj pri « litovaj enlandaj aferoj ».

Bedaŭrinde, kaj kompreneble, la katolika agado ne estas vigla, ĉar ofte katolikaj asocioj ne ricevas permesojn por kunvenoj kaj kongresoj. Krom tio, se oni ricevas permeson, en ĉiu kunveno venas policisto (ofte du aŭ tri policistoj), kiu akrege observas por ke parolantoj « ne faras krimon kontraŭ la socia ordo ».

Jen do la nuntempe en Litovujo bedaŭrinda stato de la katolikoj.

Ignaco Ĵalys.

# EL ĈEĤOSLOVAKUJO

**Liberalismo, kapitalismo, socialismo, antaŭ la juĝo de katolika instruo**

La ĉefepiskopo de Praha, Msro D-ro Fr. Kordač, jus eldonis okaze de 40-jara jubileo de la encikliko *Rerum Novarum*, paŝtistan leteron, en kiu li per propra maniero analizas la supre nomitajn problemojn. Komence de sia letero li diras: « Jam antaŭ 40 jaroj eksonis la averta voĉo de la paŝtisto de ĉiuj nacioj, de Lia Papa Moŝto Leono XIII-a, en lia encikliko *Rerum Novarum*, kie li komunikis, ke ĝusta solvo de laborista demando estas necesa kaj urĝa, por ke la sociala evoluo nehavu kiel sekvon, la tutmondan revolucion. Danĝera ĝia antaŭsigno, estas la dispartigo de homa societo je du partoj. Je proporcie malgrandan nombron de grandaj riĉuloj, kaj je milionaj amasoj da laboristaj mizeruloj. Dume la unuaj vivas en lukso, apogante sin je la potenco de kapitalismo, la aliaj ĝemas en senespera manko, kaj en venĝema kolero, sonante per la ĉenoj de siaj sklaveco, malriĉeco, kaj malsato. Daŭrigante li aludas la liberalismon, kapitalismon, kaj socialismon aplikante kontraŭ ĝi la katolikan instruon, montrante kiamaniere savi la homan societon. Fine de sia letero li admonas la katolikan ĉeĥoslovakan mastraron kaj laboristaron, grandnombre partopreni en la pilgrimo al Romo, kaj tie kun la tutmonda kristanaro manifesti por plibona estonteco de la homaro, sur la kristana fundamento.

**Jubileo de ĉeĥa baroka arto**

Kion plej admiras la vizitantoj de Praha, estas la antikva urbo, kun sia vasta kaj ampleksa baroka arto. La 8 marto pasinta, multaj ĉeĥaj gazetoj ekmemoris la 200-jaran datrevenon de la morto de la glora ĉeĥa skulptisto Ferdinando Maxm. Brokoff, aŭtoro de fama vico de barokaj statuoj de sanktuloj, sur la antikva ponto Karolo IV-a en Praha. Vere meritas ekmemoron kaj dankemon la ambaŭ talentaj artistoj patro kaj filo Brokoff, kies signifo por ĉeĥa eklezia arto estas netaksebla. La ĉefa jubilanto, Ferdinando Maxm. Brokoff, naskiĝis la 12 septembro 1688, en Crv. Hrádek (Bohemio), kaj laŭ enskribo en matriko, lia baptopatro estis la grafo Hrán el Harasov. La skulptista arto de Brokoff, venis sur la plej honorajn lokojn de ĉefurbo: sur la ponto Karolo IV-a, sur la placo de Hradčany, en strato de Neruda, sur la balustradoj de la preĝejoj; kaj ĉie ĝi estas plej eminenta ornamo de Praha.

**Moravia Loreto**

Nunjare festas la belega gotika katedralo Sankta-Venceslao en Olomouc, la 800-jaran datrevenon de sia daŭro. Tiu ĉi preĝejo kaŝas en si multvaloran trezoron, kolektitan kaj amasigitan de episkopoj kaj ĉefepiskopoj de tiu ĉi eparĥio, dum longaj jarcentoj, kaj nun lokitan en speciala masiva trezorejo. La trezoro konsistas el multvalora Diserva ilaro kaj vestoj. Plej belaj ornatoj devenas el tempo de Episkopo Lichtenstein el j. 1664-1695, kaj de tempo de artamanta Dekano Mayerwald el j. 1747, kaj estas ĉiuj faritaj el multvalora brokato kaj oro. Diserva ilaro estas farita el oro, kaj riĉe ornamita per valoraj juveloj. Sed vera juvelo de la trezoro estas la ora hostimontrilo sursemita per 1.000 diamantoj, kies prezon oni taksas 20 milionoj da ĉsl. kronoj.

Pri la grandega valoro de la trezoro dokumentas la fakto, ke nur la prezo de la oro kaj valoraj ŝtonoj estas de fakuloj taksata je 100 milionoj da ĉsl. kronoj, nekalkulante la artistan laboron kies prezo prezentas grandegan sumon.

FRANCISKO KUDRNA.

KATOLIKA VIVO
DUSEMAJNA GAZETO INTERNACIA

Anonc-Oficejo:
**22, Cours Albert-Premier**
**Paris-VIII**

Poŝta ĉekkonto:
**Ramboux Georges, Paris nº 281.40**

ANONC-TARIFO:

| | | |
|---|---|---|
| Unu tuta paĝo. . . . . . | fr. fk. | 500.— |
| 1/2 paĝo. . . . . . . . | — | 300.— |
| 1/4 paĝo. . . . . . . . | — | 200.— |
| 1/8 paĝo. . . . . . . . | — | 150.— |
| Anoncetoj, la linio . . . | — | 3.— |

La anoncoj estas pagotaj samtempe kun la mendo.

Ni konsentas rabaton 10 % por 12 sinsekvaj kaj samtekstaj anoncoj, kaj 20 % por 24 anoncoj.

# LETERO EL IRLANDO

**La Festtago de sankta Patriko**

Oni solenigis la feston de la nacia apostolo Irlanda kun la tradicia spirito en Dublino kaj tra la tuta lando la 17 marto. La vetero estis treege bona, la suno brilis dum la tuta tago, kaj ĉar tiu ĉi estas nacia libertago ĉiuj ajn laboroj haltiĝis. Bankoj, komercejoj, fabrikejoj, ktp., estis fermitaj.

Dum la mateno oni aranĝis specialajn Diservojn en ĉiuj preĝejoj. En la pro-katedralo en Dublino oni celebris solenan meson tagmeze. Lia Ĉefepiskopa Moŝto de Dublino prezidis kaj la dekano kun la tuta kanonikaro metropola ĉeestis. Ĉiuj preĝoj kaj predikoj estis en la nacia irlanda lingvo. La plej inspirintaj kaj solenaj partoj de la festo estis la speciala Diservo por la militrotoj en



KAPELANO D. RYAN CELEBRAS LA MESON EN LA COLLINS-KAZERNO EN DUBLINO

« Collin »'aj barakoj, Dublino, kaj la poste parada marŝo. Pastro D. Ryan, la ĉefkapelano, solene diris la sanktan meson, je la dek unua matene, sur altaro kun la ĉielo por baldekeno, Grupo de oficiroj nudkape kun Majoro Gen. Sweeney, la ĉefo, antaŭirante, kaj ankaŭ proksimume 1.500 soldatoj enhavante la 4-an kaj 5-an batalionojn kaj la 1-an batalionon de la liberbrigado. Antaŭ la solena momento de la konsekro la milita orkestro ludis la himnon « Hail Glorious St. Patrick » (Saluton, Glora sankta Patriko) kaj tuj poste la konsekro ludis « Faith of Our Fathers » (Kredo de Niaj Patroj), favorita nacia himno.

Gvardio honora kun trumpetistoj staris apude kaj ambaŭflanke de la altaro, kaj je la momento de la leviĝo de la Hostio oni prezentis armojn kaj donis la generalan saluton. Post la meso la parada marŝo iradis tra la urbego. Oni kalkulas, ke proksimume 50.000 homoj staris ĉe la stratoj flankoj sur la vojo de la marŝo.

**Nova preĝejo dediĉita al sankta Briĝito**

Je la 17 marto, Msro D-ro Mulvany, episkopo de Meath, dediĉis la novan preĝejon en Kilbride al sankta Briĝito. La laboro de la konstruado de tiu ĉi preĝejo komencis en septembro 1929. Interesa estas la fakto, ke sankta Briĝito mem fondis preĝejon en tiu ĉi paroĥo.

**Blasfema angla jurnalo**

Ĉiuj episkopoj kaj paroĥestroj per leteroj aŭ en predikoj malaprobegis la anglan jurnalon *Daily Mail* pro ĝia blasfema anonco en lasta numero pri « Nova necenzurita Vivo de Kristo ». Sub ĉi tiu titolo la jurnalo laŭde recenzis novan de germana verkisto libron, kiu estas treege blasfema kaj kontraŭ-Krista. La episkoparo kaj pastraro petis la katolikaron, ke ili ne plu legos, kaj la ĵurnalvendistoj, ke ili ne plu vendos, tiun aĉan ĵurnalon, aŭ aliajn eldonajojn de tiu ĉi firmo ĉar ĝi estas kontraŭ-katolika kaj kontraŭ-irlanda. Antaŭ nelonge kelkaj armitoj kun maskoj forprenis el vagonaron kvanton kaj bruligis ĝin sur la perono de la stacidomo. Eĉ kelkaj eminentaj protestantoj publike malaprobis ĝin. Multaj urbaj konsilantaroj tra la lando protestis kontraŭ la *Daily Mail* kaj demandis, ke la registaro malpermesis ĝian eniron en la lando.

H. MCNEILL MACAULEY.

# EL HUNGARUJO

**Spirita ekzercado por hungaraj parlamentanoj**

En tiu ĉi jaro denove 32 hungaraj parlamentanoj, kune kun D-ro Tibor Zsitvay, ministro por la justeco, faris spiritan ekzercadon komence de marto en « Manreza » en Buda. La konferencajn paroladojn diris la fama hungara oratoro P. Béla Rangha, Jezuito, kaj la sanktan Komunion donis Lia Kardinala Moŝto Justinian Serédi, hungara princprimato.

Ĉar la ofico de parlamentano, elektita per la popola volo, por gvidi la sorton de la lando kaj mondo, estas unu el la plej respondecplenaj, estus dezirinde, se ĉie la parlamentanoj por kelkaj tagoj ofte retiriĝus por meditado, preĝado, silenta vivo inter kvar muroj, studante la Sanktan Skribon, aŭdante vortojn de Dio. En tiaj animoj devus vivi tiel forte la kredo, la pura konscienco, ke en la politika vivo regus ankaŭ Kristo kaj tio funde ŝanĝus la nunan materialisman egoismon nacian kaj mondan politikon.

**Misio por la laboristoj**

En Diósgyör (Supra Hungarujo) por la laboristoj de tiea ferfabriko, bonege sukcesinta misio estis. 5.300 homoj faris sanktan konfeson.

**Misio en ĉefurbo Budapest**

De la 16 ĝis la 22 marto en ĉiuj preĝejoj de la hungara ĉefurbo ĉiutage misioparoladoj estis diritaj. La misio-semajnon malferm's en la baziliko Sankta-Stefano Kardinalo Justinian Serédi, hungara princprimato. Amaso da homoj faris sanktan konfeson kaj komunion.

**Granda Misio en Pécs - Sud Hungarujo**

La 21 kaj 22 marto la sonorilsonoj el ĉiuj Pécs'aj preĝejoj anoncis al la urbanoj, ke la heroldoj de Kristo alvenis kaj komenciĝas la benata tempo de anima renoviĝo. La semistoj de la dia semo estis:

En la Katedralo: Msro Stefano Zadravecz, episkopo, kaj D-ro Magyarász, Cisterciano.

En la Internurba preĝejo: P. Johano Hemrn kaj P. Stefano Pimár, Jezuitoj.

En la preĝejo Sankta-Aŭgusteno: P. Stanislo Béndc kaj P. Marian Réz, Franciskanoj.

En la preĝejo Sankta-Francisko: P. Paŭlo Paluscsák kaj P. Fülöp Vörös, Dominikanoj.



LA INTERURBA PREĜEJO EN PÉCS

En la Fabrikurba preĝejo: D-ro Ludoviko Horváth, paroĥestro, kaj Ludoviko Geosits, kapelano.

En la preĝejo Sankta-Floriano (preĝejo de minejkolonio) i P. Rajner Roznik kaj P. Szaléz Kiss, Franciskanoj.

Dum la misiopredikoj ĉiuj preĝejoj estis plenplenaj. Donu la bona Dio, ke tiu ĉi semajno de la graco alportu tion, kion tiel multaj perdis en la nuntempa malfacila vivo: la animan pacon kaj tutan fidon en Dio.

Por la profesoroj kaj gestudentoj de la Elizabet-Universitato en Pécs, spiritan ekzercadon faris la eminenta hungara filozoforatoro P. Oswald Oszlay, provincialo de la Franciskanoj, de la 18 ĝis 22 marto.

**Kontraŭ beleckonkurso**

La unuiĝoj de la universitatanoj en Debreczen faris decidon, ke ili per ĉiu ilo batalos kontraŭ la malmorala beleckonkurso. Al tiu ĉi decido aliĝis ankaŭ la universitatana junulаro de la Kolegio Sankta-Maŭro en Pécs. Do nun per unuigitaj fortoj ili laboros, ke tiu ĉi malmorala, barbara kutimo en Hungarujo tute ĉesu!

HELENO FIEDLER.

# INFORMOJ EL ANGLUJO

**Jubileo de Kardinalo Bourne**

La sola angla kardinalo en la mondo, Lia Kardinala Moŝto Bourne, naskiĝis en Londono, la 23 marto 1861, filo de Angla patro kaj de Irlanda patrino. Sekve la ĉefepiskopo de Westminster festis la sepdekan datrevenon de sia naskiĝo, la 23 marto lasta. Tiuokaze Kardinalo Bourne ricevis multnombrajn kaj varmajn gratulojn. *Katolika Vivo* ankaŭ respektplene prezentas la siajn kaj promesas, ke ĝiaj legantoj preĝos por ke la Kardinalo longe restu surtere por daŭrigi lian bonegan laboron por la Eklezio en Anglujo.

**La plej granda misio ĝenerala en Londono**

« Iru en la nomo de Dio prediki la mision. Iru kun la beno de la Eklezio al la vasta homamaso de Sud-Londono. » Estis per ĉi tiuj vortoj, ke la Episkopo de Southwark elsendis de katedralo Sankta-Georgo preskaŭ 100 misiistojn por malfermi la plej grandan *Lenten* mision iam ajn okazintan en Londono.

Post preĝsemajno tra la eparĥio, la misiistoj disiris al sesdek-ok preĝejoj en Sud-Londono, kie dum la daŭro de du semajnoj ili okupiĝis pri renovigo de fervoro de la katolikoj, klarigante la doktrinon de la Eklezio al nekatolikoj, vizitante la hejmojn, kaj aŭdante konfesojn.

Al la misio la Papo sendis jenan telegramon:

« La Sankta-Patro plejkore donacas tre specialan Papan benon al la ĝenerala misio, por ke ĝi alportu abundajn fruktojn de sanktigado. »

**Katoliko kiel Brita Ministro en Kubo**

Sir John Joyce Broderick, K.B.E., C.M.G., komerca konsilanto ĉe la Brita Ambasadorejo en Washington, estas elektata kiel Brita Ministro en Havana (ĉefurbo de Kubo). Li estas indiĝeno de Co. Galway kaj malnova lernanto de la Kolegio Blackrock, Dublino.

**Socia somera kurso**

Laŭ informo en la nun aperanta gazeto *The Christan Democrat*, someran lernejon okazigos la Katolika Socia Asocio de la 20 ĝis la 27 julio, en Halo « Lady Margaret » kaj la Katolika Laborista Kolegio en Oxford. La inklusiva kosto de la kurso estos £ 3.5.0. (390 fr. fk.). La programon oni baldaŭ publikigos.

LEO DUKES.

*Kun la permeso de la ekleziaj aŭtoritatoj.*

Respondeca Redaktoro (*Gérant*): Th. MERVILLE.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14ᵉ. - Gob. 62-71



*organizu ponumeran vendadon de nia gazeto en via urbo !*



Tiucele ni sendas al unu sama adreso:

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 5 ekz. | kontraŭ | pago | de | fr. fk. | 5.— |
| 10 | — | — | — | — | 9.— |
| 25 | — | — | — | — | 20.— |
| 50 | — | — | — | — | 35.— |
| 100 | — | — | — | — | 60.— |

Sendu mendojn kune kun mono al nia Propagand-Oficejo: 22, Cours Albert-Premier, Paris-VIII. — Poŝta ĉekkonto: Ramboux Georges, Paris nº 281.40.

